TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl
Radio Wien, Esperanto-redakcio. ORF, Poŝtfako 700, A-1041 Wien, Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 Sofia, kv.Borovo, bl.219, vh.B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR, 226614 Riga-14 ul.Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 Rosenbach, Untergrafandorf, F.R.Germanio.

Ĝenerala Sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 Sofia, ul.Han Asparuh 61, Bulgario.

Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, Citadella (Padova) Italio.

Membroj de la estraro:
Olaf Thormodsen, Box 59 59550 Haugesund, Norvegio.

Danuta Jakubiec, Zelechowskiego 2/17, LI-30-124 Krakov, Pollando.

- - - - - -

Sur la unua kovrilpaĝo: Mondrekordo de alto-salto - Ljudmila Andonova, Bulgario - 207 cm!

Foto de nia kolego: Janko Gârov (ĵ."Starto".

Red."INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv.Borovo bl.219, vh.B, Bulgario tel.56-58-77.

Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Hitrov.

Teknika aranĝo:
Georgi Dolapĉiev kaj Evgeni Georgiev.

ENHAVO DE N-RO 3 - 1984



Ni petas la membrojn de TEĴA, en kies loĝloko ne estas reprezentanto aŭ komitatano, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofico kaj sendi iliajn adresojn al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto". TEĴA-ano, kiu akceptas esti komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA por sia lando aŭ regiono de sia lando, bonvolu informi la redakcion de "I.Ĵ." Se necese, la Estraro de TEĴA mem provizore nomos ilin.

# Centjara jubileo de Esperanto

La tutmonda esperantistaro vigle sinpreparas por digne celebri la 100-jariĝon de la Internacia Lingvo Esperanto.

Jam dum la tagoj de 68-a Kongreso de Esperanto en Antverpeno, Belgio, 1982, la kreita Jubilea Komitato, gvidata de la prezidanto de UEA s-ro Maertens, akceptis ampleksan programon por la jubileaj prepararanĝoj mondskale.

La alproksimiĝanta Jubilea Jaro 1987 estos ideala okazo por disvastigi informojn pri Esperanto, por atentigi la tutmondan publikon pri la utileco kaj potencialo de Esperanto kaj por kune resumi kaj celebri la sociajn kaj kulturajn atingaĵojn de la genia kreaĵo de d-ro Zamenhof dum la pasintaj cent jaroj. Tiurilate la planoj de UEA estas grandaj kaj la plej lastaj informoj konvinkas nin, ke la plenumo de la programo bone antaŭeniras.

Kiel jam anoncite en multaj esperantaj eldonaĵoj, estas kreitaj jubileaj komisionoj de E-asocioj en pluraj landoj.Planataj estas diversaj festivaloj en Jugoslavio, Bulgario, Argentino, kiuj antaŭvidas renkontiĝojn de profesiaj teatraj trupoj,prezentadon de E-filmoj, folkloraj ensembloj, infanajn renkontiĝojn ktp. Abundas iniciatoj pri konferencoj kaj simpozioj. Pollando intencas okazigi simpozion pri la internacia lingvo-komunikado; Bulgara Esperantista Asocio planas en 1985 balkanlandan renkontiĝon en Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica pri la historio kaj la atingoj de Esperanto. BEA intencas ankaŭ organizi en 1987 en Sofio sciencan sesion sub la aŭspicio de la Bulgara Akademio de Sciencoj. Diversaj landaj asocioj planas radio-televidajn kursojn pri Esperanto, preparas jubilean materialon por lernejoj, en kiuj Esperanto estas instruata (Bulgario), aliaj agas por oficialigo de Esperanto en la lernejoj.

En la jubileaj planoj estas antaŭviditaj interesaj ekspozicioj pri originala E-literaturo, revuoj, tradukitaj libroj (KEL); BEA preparas porteblan ekspozicion pri la atingoj de Esperanto en la mondo kaj en Bulgario; UEA planas ĝeneralan jubilean ekspozicion, jam riĉe buĝetitan.

La Jubilea Jaro 1987 ne estas malproksima. La esperantaj

ĵurnalistoj - TEJA-membroj, kiuj staras en la unuaj vicoj de la heroldoj de la jubileo, havas la plej respondecajn taskojn: vaste diskonigi al la esperantista kaj neesperantista tutmonda publiko la planitajn aranĝojn de UEA kaj de la landaj Esperanto-asocioj kaj kunhelpi pri la efektivigo pere de amaskomunikiloj, en kaj por kiuj ili laboras.

Ĉiu ĵurnalisto havas kiel sanktan devon ĝis 1987 konstante utiligi eĉ la malplej signifan eblecon skribi pri Esperanto, pri la Jubilea Jaro, pri la antaŭviditaj aranĝoj lige kun la celebrado de la Internacia Lingvo, pri la konkreta kaj utila laboro de la esperantaj societoj, estraroj kaj apartaj entreprenemaj esperantistoj. Ege grave estas informi antaŭ ĉio la neesperantistan publikon pri Esperanto kaj pri ties atingaĵoj dum ĝia centjara ekzisto kaj utiligo en ĉiuj sferoj de la vivo. Ni havas enmane la bazan Jubilean Programon de UEA - ĝi estas nia gvidilo por nia ĵurnalista laboro tiurilate!

En ĵurnaloj, revuoj, en radio kaj televido oni devas ekparoli pli vigle pri Esperanto. Originalaj kaj tradukitaj materialoj kaj specialaj prelegoj pri la Internacia Lingvo de eminentaj soci-kulturaj agantoj devas trovi lokon sur la paĝoj de la gazetaro (esperantista kaj neesperantista), esti prezentitaj sur la televidekranoj kaj elsenditaj en la ĉielspacon. Oni sciigas al ni, ke la Estraro de nia faka ILEF intertraktas kun diversnaciaj filmaj organizoj la eblecojn por kreo de dokumenta filmo pri la centjara historia kaj malfacila vojo de Esperanto. Eble baldaŭ ni havos bonajn novaĵojn ankaŭ tiurilate!

Ni estu digne sur niaj postenoj de ĵurnalistoj-esperantistoj kaj ĉiuflanke kontribuu al la plenumo de la Jubilea Programo kiel eble plej brile! Al ni estas komisiita la plej nobla tasko - esti heroldoj de nia hela jubileo kaj ni montriĝu dignaj por tiu fido al ni!

DONĈO HITROV, ĝenerala sekretario de TEJA

SALUTOJ AL NIKOLA ALEKSIEV, KUNREDAKTORO DE "I.J."
LIGE KUN LIA 75-JARIĜO

Letero de TODOR JIVKOV, ĝenerala sekretario de Centra komitato de Bulgara Komunista Partio kaj prezidanto de Ŝtata Soveto de Popola respubliko Bulgario.

Al la heroo de socialisma laboro
NIKOLA BOGDANOV ALEKSIEV
merita kulturaganto
str."Nezabravka" N 1, vh.II,ap.37
S O F I O

Kamarado Aleksiev,

Al mi estas agrable saluti Vin el tuta koro okaze de Via triafojâ distingo per ordeno "Georgo Dimitrov" lige kun Via 75-jariĝo.

La alta distingo estas plua granda kaj merita esprimo de rekono al Vi - la abnegacia komunisto, partoprenînta la nelegalan batalon, spertinta la suferojn de faŝistaj malliberejoj. Ĝi estas nova pruvo pri Via senlaca agado por triumfo de la socialismo en nia lando,por evoluigo de Bulgaraj sindikatoj, por plifirmigo de la nobla esperantista movado kaj defende al la monda paco.

Mi sicere bondeziras al Vi, kara kamarado Aleksiev, firman sanon, feliĉon kaj novajn sukcesojn en Via fruktoriĉa socia-politika agado.

Gratulon kaj por multaj jaroj!

29 de junio 1984 (s) T.Jivkov

De Ministra konsilantaro de PR Bulgario

Estimata kamarado Aleksiev,

Mi salutas Vin pri la feliĉa 75-a datreveno kaj pri Via alta distingo per ordeno "Georgo Dimitrov".

Akceptu korajn bondezirojn pri firma sano, vigleco kaj feliĉa longvivado!

Ĉudomir Aleksandrov,
Unua vicprezidanto de Ministra konsilantaro, Membro de Politburoo de CK de BKP.

De la Ministro pri kulturo

Estimata kamarado Aleksiev,

Mi elkore salutas Vin pri Via feliĉa 75-jariĝo kaj pri Via distingo per la plej alta ordeno "Georgo Dimitrov".

Mi bondeziras al Vi firman sanon, viglecon kaj plej bonajn sukcesojn.

Georgi Jordanov,
prezidanto de Komitato pri kulturo ĉe Ministra Konsilantaro de PR Bulgario.

niaj elstaraj kolegoj

DISTINGITA ĴURNALISTO



Nia kunredaktoro NIKOLA ALEKSIEV ricevis trian fojon plej altan ŝtatan ordenon "Georgo Dimitrov" okaze de lia 75-jariĝo. Tiuokaze kolego Aleksiev ricevis multajn saluttelegramojn kaj leterojn de ŝtataj, sociaj kaj esperantistaj organoj, ankaŭ de apartaj esperantistoj el diversaj landoj.

La Centra Estraro de Bulgara Esperantista Asocio kaj la Ĵurnalista asocio ankaŭ salutis lin.

La redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" aliĝas al la salutoj kaj bondeziroj al nia jubileulo - kara nia kolego kaj kunredaktoro Aleksiev, merita ĵurnalista kaj esperantista veterano.

"Internacia Ĵurnalisto"

---

Korea Esperanto-Asocio jam de la pasinta jaro havas oficialan organon, kiu titoliĝas "La lanterno azia". Ĝi antaŭe estis organo de korea Ligo de Esperantistaj Instruistoj. "La lanterno azia" estas bone presita kaj aperas monate, plejparte en korea lingvo. Ĝia redaktoro, Gim Bjonghuan, estas bone konata juna aktivulo.

Stella Jamont
Ĵurnalistino

# Gardu, defendu la pacon!



Mi havis nur dek jarojn, kiam por la unua fojo mi aŭdis la nomon de Nadja Trojan. Ĉirkaŭ junpionira fajrego ni aŭskultis rakonton pri la heroeca batalo de tiu virino dum la Patrolanda milito. Ni estis ravitaj de ŝia sentimo kaj animfortikeco. Kaj ĉiuj ni revis estiĝi similaj al ŝi...

Ĉu mi povis tiam eĉ pensi, ke la sorto donacos al mi feliĉan eblecon renkontiĝi kun ŝi persone? Vidi kaj aŭdi tiun legendan virinon, Heroon de Soveta Unio, membron de Sovetia pacdefenda komitato?

Kun granda emocio mi malfermis la pordon de la kabineto de vicrektoro de Unua Moskva medicina instituto. Apud la tablo sidas bela, eleganta virino. Ŝiaj okuloj estas bonvenemaj, iomete lacaj,la rideto - afabla.Do,jen estasla legenda knabino.

Nia konversacio fluas malrapide. Ŝajne ŝi ne tre ŝatas paroli pri si mem. Preferas rakonti pri la laboro de la instituto, pri la studentoj. Kun malkaŝa ĝuo ŝi rakontas pri la agado de la Sovetia pacdefenda komitato, pri la Komitato de la militveteranoj, en kies estraro ŝi membras jam de pluraj jaroj.

Ĝis junio 1941 ĉio en la vivo de Nadja Trojan estis klara, simpla. Ĝoja kaj senzorga infaneco en la malgranda blankrusa urbeto Drissa. La lernjaroj,la studenteco en la Unua Moskva kaj Minska medicinaj institutoj.Tie ĉiŝin trafis la milito.

Mi observis ŝin - tiel milda, bonkora, simpla. Kaj mi demandas min mem: "Ĉu nome ŝi bombadis faŝistajn vagonarojn,disvastigis sekretajn alvokojn inter la loĝantaro kontraŭ la okupantoj, kolektis gravajn informojn pri la malamiko por transdoni ilin al la partizanoj? Inter danĝeraj cirkonstancoj batalis kaj ĉiutage riskis sian vivon? Kiom da terurajoj ŝi vidis propraokule!"

- De kie vi prenis tiom da fortoj kaj aŭdaco kontraŭstari la malamikon? Kio devigis vin, apenaŭ enirinta la vivon de plenkreskulo ĉiutage, ĉiuhore rigardi trankvile la vizaĝon de la morto?

Ŝi respondis sen longa pripensado:

- La amo al la Patrolando kaj la malamo al la malamiko. Ni ĉiuj volis la samon - elpeli la faŝistojn el nia teritorio. Ni kredis en la venko. Kaj pro tio ni estis pretaj al ĉio. Tio estis tutpopola milito. Tutaj familioj, tutaj vilaĝoj fariĝis partizanoj. Ankaŭ ĉiuj miaj hejmanoj - patro, panjo, frato.

Ŝi nun savas la homan vivon de la morto, sed foje antaŭ ŝi stariĝis tute alispeca tasko. Ĝi estis vere eksterordinare danĝera. La Blankrusia popolo mortkondamnis la ĉefon de la hitleranoj en Minsk Vilchelm von Kube. Kune kun aliaj Nadja ankaŭ ricevis taskon realigi la kondamnon. Ŝi devis trovi kontakton kun personoj, kiuj ofice vizitadis Kube. Nur kun ties helpo oni povis realigi la ordonon pri lia mortigo.

La sangavida ekzekutisto ne sukcesis eskapi la punon. En la nomo de la popolo la kondamno estis plenumita. Tion faris Elena Mazanik, Maria Osipova kaj Nadejda Trojan.

- Mi petas, diru kiu estas la plej feliĉa tago en via vivo.

- La tago de la Venko. Tio estas kiel en la kanto: "Feliĉo kun larmoj en la okuloj". Por profunde kompreni tion oni devas esti travivinta la Venkon.

Post la venko venis jaroj saturitaj de streĉeco kaj laboro. Nadejda Trojan faris operaciojn en la kliniko, instruis al la studentoj de la instituto, okupiĝis kun socia kaj scienca agado...

- La moderna junularo - esprimas ŝi siajn pensojn - revas venki la homajn malsanojn, konkeri la kosmon, eltrovi novajn energifontojn kaj novajn metodojn de kuracado. Belegaj revoj! Mi kredas en ties efektivigo. Por tio estas necesa nur unu kondiĉo - la paco surtere. La pacon ni devas elbatali ĉiupreze.

Ŝia hodiaŭa armilo estas la porpaca parolo. Al ŝia parolo multaj kredas.

La parada salono de ĉefurba Palaco de scienco kaj tekniko estas plenplena de junuloj. Oni aranĝas vesperon pri renkontiĝo de la generacioj. Junuloj amasiĝas proksime al Nadeĵda Trojan. Ŝi estas surŝutita de demandoj. Oni petas ŝin rakonti pri memorindaj momentoj el sia vivo.

Kaj jen demando:

- Kion el la sperto de via generacio vi dezirus transdoni al la nia?

- Ke vi neniam travivu la maldolĉan militsperton de mia generacio! Estas nepenseble, ke la riveregoj da sango dum la pasinta milito estus verŝitaj vane. Estas neeble, ke la fiasko de la faŝismo ne estus servinta kiel leciono al la novaj agresantoj. Ni kun vi devas alporti tion al ilia konscio. Vi vivas sur paca tero, vi ricevis pacon herede - gardu, defendu ĝin! Lernu kiel batali por la paco tiel abnegacie kiel ni defendis kaj savis la liberecon de nia Patrolando.

Kiam mi direktiĝis al renkontiĝo kun Nadeĵda Trojan, mi iel atendis vidi kvietan nejunan virinon. Fakte mi renkontis belan personon, vivantan aktive, plenritme, interese. Mi rekonis malkvietan personon, pruvintan en kruda epoko la pretecon de sia generacio al heroaĵo en la nomo de la vivo kaj libereco, personon, kiu faras hodiaŭ heroaĵon en la nomo de la vivo kaj paco.

Tradukis: N.Al.

---

Kiel ĉiujare, ankaŭ la ĉi-jara 38a eldono de la aŭtoritata "WORLD Radio TV Handbook" (Monda manlibro pri radio kaj televido) enhavas apartan liston (p.441) de elsendoj en Esperanto. La kompilinto estas Georges Larlantier el Parizo, kiu kompilas similan liston por revuo "Esperanto". Oni rimarku, ke en la manlibro aparta listo aperas nur por Esperanto kaj la angla, ne por aliaj lingvoj. La redakcia adreso estas: Billboard A.G., Solilljevej 44, DK-2650 Hvidovre, Danlando.

# Veterano de la bulgara kaj Esperanta gazetaro



Kun IVAN KEREMIDČIEV-ESPEROV ligas min pli ol duonjarcenta amikeco kaj kunlaborado. Li estis ekde 1928 amiko kaj korespondanto de nia elstara esperantisto, redaktoro kaj poeto Asen Grigorov. En la apud-danuba urbo Lom Keremidčiev estis aganto en la kontraŭfaŝisma movado kaj de loka E-societo "Sukceso", disvastiganto de E-lernilo j (lernolibro kaj vortaroj) de Grigorov, disvastiganto ankaŭ de BuLEA-eldonoj "Balkana laboristo" - revuo kaj "Meĵdunaroden ezik" (Internacia lingvo"-gazeto aperanta bulgarlingve). Pro tiu gazeto la reakcia polico arestis kaj duontagon batis kaj turmentis lin. Printempe de 1931, kiel abituriento, oni ree arestis lin, ĉar li verkis kaj presis, kaj junuloj disgluis alvokon pri la tago de la revoluciulo kaj flama poeto Hristo Botev, mortigita de turkoj sur la Balkanmontaro. Post la parlamentaj balotoj la nova registaro amnestiis lin, li ekzameniĝis sukcese kaj eĉ estiĝis progimnazia instruisto en najbara de Lom vilaĝo (nun ĝia kvartalo). Fine oni fakte forpelis lin el la lernejo pro lia progresema aktivado.

Dum la somero de 1932 Keremidčiev, kiel sekretario de la loka E-societo kaj aktivulo de BuLEA partoprenas la duan landan konferencon de tiu organizaĵo. Poste li estiĝas studento en Sofio, kie partoprenas la agadon de progresema studenta organizaĵo kaj de BuLEA. Tie ĉi ni renkontiĝis en la domo de Grigorov kun li, en la redakcio de la nova E-gazeto "Meĵdunaroden Rabselkor" (Internacia Laborista-Kamparana Korespondanto). De 1931 li estiĝis sekretario de la progresema laborista movado en la partia distrikto de Lom (administre de Vidin-distrikto kaj gvidis ankaŭ la E-movadon tie. Ĉar la polico arestadis la

redaktorojn de progresemaj E-gazetoj kaj kondamnis ilin al malliberigo, kiel okazis kun la redaktoroj de niaj LEA-gazetoj, mi delikate klarigis la aferon al la nova studento, ke li kiel respondeca redaktoro de "Internacia Rabselkor" povas trafi la malliberejon minimume dum 6 jaroj. Mi scxis, ke li kunlaboras al sia loka gazeto kaj al la sofia gazetaro, aperigadis informojn, artikolojn eĉ rakontojn. Ni petis kaj li akceptis estiĝi tia redaktoro de "Int.Rabselkor" ekde n-ro de 29.XI.1932 kaj de la organiza "Bulteno" (Informilo). Tamen la prokuroro ne prokrastis longe kaj Ivan estis arestita kaj ĵetita en Sofian malliberejon. Post pago de mongarantio li estis liberigita, sed eksigita el la universitato kaj forigita de Sofio.

Tiel la juna studento estis enkondukita en la atmosferon de la soci-progresema gazetaro por elkreski pli poste kiel unu el la plej kuraĝaj kaj sindonaj sociagantaj ĵurnalistoj en nia lando. Pro sia kontraŭreakcia, kontraŭfaŝisma kaj porpaca aktivado li estis tredita tra la polica kribrilo, multfoje arestita, batita, juĝita, persekutita, malliberigita trifoje. Tamen lia mano tenanta firme la skribilon, neniam ektremis. Tiun skribilon Keremidĉiev ankaŭ nun, enirinta jam en la okan jardekon de sia vivo, daŭre, kuraĝe kaj inde tenas. Juste oni pritaksas lin kiel unu el la veteranoj de la bulgara progresema kaj esperantista gazetaro.

Nia kolego Ivan elkreskis en malriĉa kvartalo de Lom. Kiel junulo li partoprenas la unuan en la mondo kontraŭfaŝisman Septembran ribelon, provizante per kugloj, per pano, akvo, informoj la batalantajn septembranojn. Poste - jam gimnaziano iniciatas kaj kreas progresemajn junulajn kaj aliajn organizojn en Vidin-distrikto. Pro tiu ĉi aktivado kaj organizanto de kontraŭfaŝismaj grupoj oni arestas lin kun pli ol 200 aliaj junuloj. Dektri el ili, ĉekape kun Ivan, estis malliberigitaj kaj juĝitaj post teruraj inkvizicioj. Laboristoj, kamparanoj, intelektularo, iuj eĉ membroj de la tribunalo kaj la prokuroro mem pledis por liberigo de la senkulpaj arestitoj. Fine ili estis liberigitaj. Post kelkaj monatoj - printempe 1936 estas nomita de CK de Laborista partio en Sofio kiel gvidanto de ĝia presfako. Li kunlaboras al iuj progresemaj gazetoj per siaj kontribuaĵoj. Komence de 1937 la polico translokigis lin en ur-

bon Petriĉ apud la landlimo kun Greklando. Apenaŭ post sep monatoj li revenas Sofion, kie li okupas postenojn en sub- kaj distrikta estraro de Laborista partio kaj kiel kunlaboranto de junulara laborista organizo. Li kunlaboras en redaktata de Emil Ŝekerĝiijski junulara gazeto "Jar" (Ardaĵo), estiĝas vicredaktoro de la socikamparana gazeto "Flugo" de Janaki Poĉekanov, malpermesitaj de la registaro en 1938. Laŭ instigo de Ŝekerĝijski li kreas Esperanto-paĝon en ĉiutaga gazeto "Nova Kambana (Nova sonorilego), aperanta paralele kun la E-paĝo en ĉiutaga gazeto "Zarja" (Aŭroro), redaktata de As.Grigorov. Lige kun la antaŭstarantaj parlamentaj elektoj en 1938 oni ree transloĝigas Keremidĉiev en la ĉemaran urbon "Nesebar" kune kun centoj de aliaj kontraŭfaŝistoj. Post la liberiĝo li - estante ankaŭ aktivulo de E-societo en Sofio - fariĝis redaktoro de E-paĝo en "Zarja", ĉar ties ĝistiama redaktoro Grigorov,pro polica postulo, estis eksigita kiel membro de CK de la Bulgara Esperantista Asocio kaj kiel redaktoro de "Bulgara Esperantisto". Dum la sekvaj jaroj, precipe dum la periodo de la Dua mondmilito, Ivan fariĝis neformala gvidanto de la E-movado en la lando, ĉar iuj CK-anoj ĉesis labori, aliaj aktivuloj estis mobilizitaj kiel soldatoj ktp. Krome li redaktis apartajn E-eldonaĵojn - "Popola kalendareto 1941" kaj"Novjara E-folio 1942", anbaŭ poresperantaj, kontraŭfaŝismaj kaj porpacaj. Kunlaboras ankaŭ kiel helpredaktoro de "Bulgara Esperantisto", kies redaktoro estis prof.Ŝtojan Guĝev. Post la ĉesigo de "B.E." Keremidĉiev kontaktiĝis kun hungaraj E-estraranoj kaj komisiis eldoni novan bulgaran E-organon kiel suplementon de "Hungara Heroldo" sub titolo "Revuo-Bulteno". Aperis tri numeroj, redaktitaj de Keremidĉiev-Guĝev kaj subtenataj de la studento Canko Murgin. Tamen la hitlerofaŝistoj malpermesis ambaŭ gazetojn. Malpermesitaj estis ankaŭ la E-paĝoj en la ĉiutagaj bulgaraj gazetoj. Ivan estis provizore mobilizita soldato ĉe la landlimo kun Turkio. Tie li organizis, precipe kun esperantistoj kaj aliaj soldatoj, kontraŭfaŝistan batalgrupon (1941). La sekvan jaron li faris la samon en Jugoslavio, kie li kontaktiĝis kun la lokaj partizanoj, provizante ilin per sekretaj informoj pri la dislokado de policsoldataj taĉmentoj, kartoĉoj, pano kaj s-

apo. La armea spionservo ekflaris ion pri tiu grupo de Esperov kaj arestis dek soldatojn. Sed dank' al la firma konduto de la arestitoj kaj la morala helpo fare de iuj demokratemaj oficiroj, oni nenion malkovris kaj Keremidĉiev eliras el la malliberejo. Li revenas Sofion printempe de 1943 kaj daŭrigas sian laboron ĉe komerca magazeno kaj sian socian kaj poresperantan aktivadon.

Dum januaro 1941 post terura bombado de Sofio li, kun la permeso de la respektivaj partiaj gvidantoj, evakuiĝas kun sia edzino kaj fileto en urbon Lom. Tie li komencas redakti volontule la lokan gazeton "Lomski glas" (Loma voĉo). Kiel sekretario de la urba partia organizaĵo li fondas subdistriktan komitaton de la nelegala Patrolanda fronto. Kun delegacio de civitanoj li vizitas la urban prokuroron kaj insistas pri liberigo de la politikaj arestitoj en la loka malliberejo. La prokuroro fine obeas. La sekvantan tagon dank'al la decida helpo de la soveta armeo la bulgara popolo per la 9-septembra revolucio renversas la monarĥofaŝistan registaron. Ivan partoprenas la establon de popoldemokratia regpotenco, iniciatas eldonon de nova loka gazeto "Popola tribuno", kies kunredaktoro li fariĝas. Poste printempe de 1945 oni translokigas lin en la distriktan urbon Vraca. Tie li okupas gravan socian postenon kaj estiĝas ĉefredaktoro de la semajna gazeto "Patrolanda alvoko". Samtempe li estas provinca korespondanto de la centra partia presorgano "Rabotniĉesko delo" (Laborista afero). Post du jaroj (1946) li estas nomita sekretario de CK de Bulgara Esperantista Asocio kaj redaktoro de "Bulgara Esperantisto" ĝis 1949. Poste li transiras en la urban komitaton de Patrolanda fronto en Sofio.

En marto 1949 Keremidĉiev fariĝas respondeca redaktoro de apartaj fakoj en la redakcio de "Rabotniĉesko delo". Paralele li redaktas la revuon "Laborista-kamparana korespondanto". En 1952-53 Keremidĉiev estis sendita en Bukureŝton (Rumanio) kiel speciala korespondanto - reprezentanto de "Rabotniĉesko delo". Post sia reveno al Sofio li daŭrigas (entute dum 17 jaroj) sian redaktorecon en la partia presorgano kaj funkcias du jarojn kiel bulgara korespondanto de la organo de Kominfo-

rmburoo "Por daŭra paco, por popola demokratio", aperanta tiam en Budapeŝto. Samtempe Ivan prezidas 15 jarojn la sekcion "Loka gazetaro" ĉe Unuiĝo de bulgaraj ĵurnalistoj kaj estas membro de la redakta kolegio de revuo "Internacia kulturo" kaj poste de "Nuntempa Bulgario", ambaŭ aperantaj esperante.

Nia kolego Esperov - pseŭdonomo de Keremidĉiev - sub kiu nomo li estas vaste konata inter la esperantistaro, aliĝas al Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio en 1956. Li estas elektita en la TEĴA-estraro, proponas eldonadon de presorgano "Internacia Ĵurnalisto", kiu komencas aperi en 1957. La presogano de TEĴA jam 23 jarojn estas prizorgata de sia iniciatinto kaj senŝanĝa ĉefredaktoro. Esperov gvidas ankaŭ la Ĵurnalistan sekcion ĉe CE de BEA . Pro lia socia, kontraŭfaŝista, esperantista kaj porpaca aktivado li estas distingita per pluraj ordenoj kaj medaloj. Pro sia longstaĝa esperantisteco Bulgara E-Asocio distingis lin per ora insigno de BEA. Atestilojn kaj honorigojn li ricevis ankaŭ de aliaj amasaj kulturaj unuiĝoj.

Nikola Aleksiev

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

MATERIALOJ POR UZBEKISTANO SERĈATAJ

Samarkanda E-klubo kunlabore kun la regiona filio de Uzbeka Amikeca Asocio organizas oktobre 1984 internacian aekspozicion "Uzbekistano tra la okuloj de eksterlandanoj", dediĉitan al 60-jariĝo de Uzbeka SSR. Tiucele estas kolektataj eldonitaj eksterlande ĉiulingvaj tiutemaj libroj, revuoj, ĵurnaloj, verkoj de uzbekaj aŭtoroj, fotoj, afiŝoj, pentraĵoj, poemoj, kantoj kaj ĉiuj ceteraj alilandaj materialoj pri Uzbekistano, publikigotaj en nia gazetaro nacilingva.

Ni petas la ĉiulandajn esperantistojn helpi al ni per sendado de konvenaj materialoj. Al ĉiuj helpintoj ni sendos respondleteron kaj laŭdezirajn uzbekajn memoraĵojn. Bonvolu sendi ĉion plejeble baldaŭ al: Interklubo "Esperanto", 703000 Samarkand, Glavpoĉtamt, abon.jaŝĉik 76, Uzbekistano, Sovetunio.

# VIDEO KAJ ESPERANTO

"Video" estas nova nocio internacia, kiu signifas latine "mi vidas". La nova tekniko, kvankam konata en televido, ne estas uzata en hejmoj, kiel radio- kaj televidaparatoj. En okcidenta Germanio oni vendis ekzemple pli ol du milionojn nur en lasta tempo, ĉar antaŭ kelkaj jaroj ili ankoraŭ ne estis popularaj.

Ĝenerale dirite, videoaparato registras kiel magnetofonbendo, sed krom la sono ankaŭ la bildo, eĉ se ĝi estas kolorfilmo. En konekto kun la televidilo oni vidas kaj aŭdas filmprezentaĵon laŭ la elektita programo. Dum la kaptado de filmo ni povas rigardi alian filmon kaj nur post la fino spekti la kaptitan. La videoaparato funkcias ankaŭ memstare. Se vi fiksas la tagon, horon kaj minuton de komenco kaj fino de iu filmo, vi povas ĝin kapti sendepende de via televidilo post tagoj kaj semajnoj; ekzemple kiam vi vojaĝas la aŭtomato plene anstataŭos vin.

La son-bildkasedo por 3 horoj kostas la samon kiel du magnetofon-bendkasedoj de 90 minutoj. Ili nur estas pli grandaj, en formato 18x10x2,5 cm.

Por produktado de privataj filmoj oni uzas specialan filmkameron. Post ekkapto de la filmo oni povas tuj rigardi ĝin sur ekrano de la televidilo kaj korekti la bildon aŭ sonon. Kompare kun fotografado tio estas granda avantaĝo kaj multe pli malmultekosta. Oni havigas al si bonajn memoraĵojn, se oni tiumaniere povas kapti vivajn bildojn kun muziko, kanto kaj paroloj de ĉeestantoj.

Post la UEA-Kongreso en Antverpeno vizitis min en FR Germanio mia malnova pola amiko. Li konatiĝis kun la nova tekniko. Ni surbendigis nian familian rondon per videoaparato kaj kamerao dum nia konversacio... Nun mi vidas lin ludanta kun ursa pupo, trinkanta kun ni el belkoloraj glasoj vinon kaj aŭdas lian voĉon. Kvankam oni povas forigi la kaptitan filmon kaj surbendigi la novan, ni konservos la memoraĵon. Eĉ post nia morto ĝi restos dokumento el nia Esperanto-vivo.

Mi intencas prepari lecionojn por Esperanto-instruado, ĉar oni povas haltigi ankaŭ la unuopajn bildojn. Eĉ diapozitivoj estas surbendigeblaj. Alia ebleco utiligi "video"-n por Esperanto estas forigado de la naciaj tekstoj el normalaj filmoj, por surbendigi E-tekston. En familia ron-

do tio estas permesata, ĉar ĉiu filmo devas konservi la originan rajton.

Do, la videotekniko promesas gravan helpon - ŝpari tempon kaj laboron. Se ne estus dogan-malfacilaĵoj, oni povus facile kunpreni videokasedon kaj en aliaj landoj prezenti ĝin al E-grupoj. Tiel dank'al ĝi la ĝisnunaj varbiloj por nia lingvo ricevas gravan kaj modernan rimedon.

HERBERT WOHLFAHRT

(El "Pola Esperantisto) IV/1983

KONTRAŬ LA KALUMNIOJ

LA MONDA GAZETARO PRI LA ATENCO EN VATIKANO

La falsaj kulpigoj, ke bulgaraj civitanoj partoprenis la atencon kontraŭ Papo Johano Paŭlo II, estas"intenca komploto de la dekstraj politikfortoj por incito de kontraŭkomunisma histerio, celanta saboti la pacbatalon kaj malarmadon" - skribas en dupaĝa publikaĵo usona semajna ĵurnalo "World Magazin".

La ĵurnalo prezentas la turkan atencanton Ali Agca kiel neofaŝiston, kontraŭkomuniston, rasiston kaj nacian ŝovinistоn kaj ankaŭ kiel profesian murdiston. Ĝi substrekas, ke li estas "patologia mensogulo, evidente blinda instrumento de obskuraj fortoj, kiuj konsiderinde pli influhavaj estas ol la turka organizaĵo de neofaŝistoj."

"La kalumnioj kontraŭ Bulgario -ripeto de la afero pri bruligo de germana Reichstag" - kun tiu ĉi titolo artikolo de usona ĵurnalo Daily World" kondamnas la lanĉitan (helpe de spertaj usonaj misinformantoj kiel Claire Sterling kaj Paul Hentze kaj aliaj) kontraŭbulgaran kampanjon en Okcidento.

Ĵurnalo "New York Times", kiu donas vastav spacon al la lastaj paskviloj de s-ino Sterling, klopodis "atribui fidindecon" al la fantaziaĵoj de la aŭtorino, kiu delonge estas favoratino de la ultradekstraj amaskomunikiloj, populariigantaj siajn en Italio elpensitajn mensogojn - skribas "Daily World". Tamen en iuj usonaj gazetoj trovas lokon opinioj kaj sugestoj pri "bulgara kunkulpeco" en "internacia terorismo" kaj "proponoj" de ekstremistaj medioj pri akcepto de iaj diskriminaj paŝoj. La senbridan agadon en tiu direkto provas entrepreni ankaŭ iuj konservativuloj lige kun la antaŭstaranta balotkam-

panjo en Usono.

Multaj objektivaj mondaj gazetoj socialismotendencaj malaprobas tiujn kalumniojn.

La aperanta en Hamburg (FRG) semajna novaĵmagazino "Der Spiegel" en mallonga materialo, dediĉe al la atenco kontraŭ Papo Johano Paúlo II, ne nur kategorie refutas, sed ankaú primokas la stultan akuzon kontraú Sergej Antonov, kontraú Bulgario. La arbitraj kontraúbulgaraj verkoj de Claire Sterling la novaĵmagazino determinas kiel "tendencon de kancelariaj detektivoj".

E.GEORGIEV

FRIEDRICH SCHILLER

Sur la Solitude (okcidente de Stuttgart) la duko Karl Eúgen estis stariginta oficiran lernejon. Por tiu ĉi lernejo de la servuteco, laú esprimo de Mehring, la duko prenis talentajn infanojn. En la jaro 1773 la patro de Schiller donis sian filon fariĝi duka juristo. Por la juna Schiller tio signifis ok malfacilajn jarojn de mallibereco. Baldaú Schiller ribelis kontraú la kruela duka tiraneco. Li establis poezian klubon de la opozicio kune kun kelkaj amikoj. En 1775 la militista akademio estis translokita al Stuttgart kaj malkovris ankaú medicinan fakultaton. Schiller fariĝis studento de medicino.

La poeta rondo en la 18a jarcento akceptis la progresivan pensmanieron de la burĝa racionalismo, idealismo fleksita, nome, ke la progreso estas la leĝo de evoluo. Herder pledis por la ideo, ke la arto plibonigas la homaron! Schiller estis inspirata de Herder al popola interligo. Goethe fortigis lian sopiron al libereco. En la jaro 1780 lia disertacio "Provo pri la kohereco de la animala kun la spirita naturo de la homo" estis aprobita. Tiu ĉi verko pruvas, ke la homo ne estas animo kaj korpo, sed ke la animo estas miksita per la materio de la korpo, do - estas ligita al la aktiveco de la materio. Krome Schiller verkis "Die Rauber" (La rabistoj). Tiu ĉi dramo havis revolucian efikon. Per ĝia prezentado Schiller iĝis mondfama.

Post tio la duko malpermesis al li skribi kaj Schiller forkuris el la akademio. Li perlaboris sian panon per verkado

en Mannheim. Sed baldaŭ li devis forlasi Mannheim pro intrigoj. Li iris al la bieno Bauerbach, kie lin helpis sinjorino Henriette von Volzogen. Per interrilatoj kun kamparano, servutantoj kaj per amikeco kun judo li ekkonis la diboĉan vivon de la kortego. Tion li pritraktis en siaj verkoj (Komparu precipe "Luize Millerin"). Subite li ricevis leteron el Mannheim. Tie li daŭrigis la dramverkadon. Dum la prezentado de "Kabale und Liebe" (Insido kaj amo) oni aplaŭdis treege. Sed la monarko turmentis lin kiel antaŭe. Ĉagreno kaj peniga poezia laboro eĉ dum la noktoj devigis lin gluti multe da ĥinino.

Aliaj medikamentoj domaĝis lian stomakon. Kelkfoje li pensis al sinmortigo. Oni ne plilongigis la kontrakton kaj Schiller provis ekzisti kiel publicisto. La tiamà revolucia perfortanto iĝis kortega konsilanto en Weimar. Ne atendite li ricevis leteron de nekonatoj el Leipzig. Schiller vojaĝis tuj al Leipzig kaj Körner peris kontakton kun eldonejo Göschen. Nun Schiller iĝis denove genio de la verkado. Sed li restis nek en Leipzig, nek en Dresden ĉe Körner. Li revenis en Weimar kaj ricevis profesoran katedron en Jena.

Baldaŭ lia vivo malboniĝis, li malsaniĝis. Tio estis la lasta ĉapitro en la malfacila batalo por vivo.

Estas senutile demandi kiu el ambaŭ poetoj Goethe aŭ Schiller estas pli eminenta. Goethe atingis preskaŭla duoblan aĝon kaj kreis ankaŭ dank'al la saĝeco de la maljuneco. Goethe mem skribis al Schiller:

"Vi donis al mi duan junecon kaj faris min denove poeto, kia mi jam ĉesis esti".

Kiam Goethe ekscíis pri la morto de Schiller, li konfesis: "Mi kredis perdi min mem, sed mi perdis amikon kaj kun li la duonon de mia estado". La krea kunlaboro de Goethe kaj Schiller signifas la perfektecon de la germana klasiko. Schiller laŭdis ankaŭ la grandan valoron de Herder sed amikeco inter ambaŭ ne estiĝis; ĉar Schiller ŝatis la filozofion de Kant, kiun Herder ne ŝatis. Sed la tri pensuloj havis plej grandan efikon al la spirita revoluciulo de la tiama epoko.

OSKAR STOLBERG

# Kiel fartas kaj fartos la lingvo Esperanto?

Denove nia atento estas altirita de la organo de la nederlanda E-Federacio-KEG (Komuna Egazeto). Sur paĝo 67 s-ro W.K., sub la supra titolo defendas la rajton de Esperanto esti "... la sola lingvo, kiu pro siaj perfektaj kvalitoj povos fariĝi la spirita posedaĵo de grandaj popolamasoj kaj tio ne povos okazi per fremda nacia lingvo. Temas pri tio, ke la Eúropa Komunumo nun kreata de okcidentaj landoj en Eúropo - devas akcepti Esperanton kiel komunan neútralan lingvon. W.K. citas tekstojn el la artikolo de d-ro Umberto Brocatelli (vidu la dec.n-ron de "Esperanto de UEA), kie U.B.pritaksas la anglan lingvon kiel internacian lingvon de la nuna jarcento. Se Esperanto "...volas fariĝi internacia lingvo kiel la angla, ĝi bezonas malantaú si proksimume egalan potencon. Ĝi devus esti la lingvo de granda, plurnacia, demokrata ŝtato... Kiu kredas ankoraú, ke Esperanto per propra forto akiros similan pozicion en la mondo, tiu revas kiel iluziulo". Kaj, ke "...la Eúropa Komunumo devas venki siajn krizojn kaj transformiĝi al efektiva politika, demokrata unuiĝo, al federacio." Do - se tia Eúropa komunumo ne realiĝos, "... ĝi iom post iom disfalos kaj ĝiaj ŝtatoj fariĝos tute dependaj de Usono"- konkludas la aútoro.

Laú ni tio estas la celo de la nuna Usona politiko.Tion komprenas la ceteraj okcidentaj ŝtatoj, pro tio ili,ne kredante al Usono kaj unu al la alia, malfacile unuiĝos en potencan superŝtaton. Kaj tiu superŝtato ĉu estos demokrata aú estos politika kaj milita fortego, kiu estos starigita kontraú USSR kaj la aliaj socialismaj landoj, kontraú la evoluantaj landoj, fortego en la manoj de la nunaj gvidantoj de Usono. Kaj ili tute ne pensas pri nia Esperanto. Do, ne efektiviĝos la "Unika ŝanco por Eúropo kaj unika ŝanco por Esperanto", kiel revas iuj Esperanto-aútoroj kiel iluziuloj. Ĉu ne estas pli bone por la homaro kaj por la Internacia Lingvo, se ĉiuj popoloj sur la Tero ekstrebos, eklaboros ekbatalos por krei vere demokratajn,efektive liberajn kaj sendependajn landojn kaj ŝtatojn, kiuj laú la principoj de la Unuiĝintaj Nacioj - ne atakos aú ne ekspluatos aliajn sendepend-

ajn landojn? Kaj kunlaborante demokrate laŭ tiuj principoj ili kreos novajn, justajn interrilatojn politikajn, ekonomiajn, kulturajn, kaj kreos mondon sen nuklea, veneniga, kosma kaj alia armilaro, detruonta niam belan planedon kaj la homaron. Kreos mondon sen militoj, vivanta en paca harmonio. Tia mondo bezonas Esperanton, tian mondon bezonas ankaŭ Esperanto kaj la esperantistoj - realistoj, pacamantoj!

## SUR LA PACA FRONTO

### Tra la paĝoj de "Internaciisto"

La energia laboro kaj batalo de la popoloj sur nia planedo, inkluzive de la viglaj pacamantoj - esperantistoj por defendo de la paco, kontraŭ la preparata nuklea milito estas juste kaj unualoke respegulata sur la paĝoj de "Internaciisto", n-ro 5-6 (majo-junio 1984). La organo de Kolektivo Esperantista Komunista (KEK), aperanta en Aŭstrio, eĉ sur la unua paĝo komencas per granda desegnaĵo prenita de "Avia News Internacional"), montranta "unu el la flugildirektoroj de la usonaj cruise misiloj, traflugantaj la landlimon inter FRG kaj GDR orienten. Sur la dua paĝo "Internaciisto" komenciĝas la Pardubica alvoko de la 6a renkontiĝo de pacdefendantoj en tiu ĉeĥoslovaka urbo, okazinta la 23an-25an de marto j.k. La apelacio kun maltrankvilo konstatas "...ke la dislokado de nukleaj raketoj de la unua frapo...alportis impetan pligrandigon de la danĝera konflikto, kiu ampleksus la tutan mondon, komencinta en 1983 en Okcidenta Eŭropo." Aparte sur la paĝoj 12-13, en speciala raporto s-ino Milada Hemerkova sub titolo "Brila pacmanifestacio esperantista en Pardubice" skribas, ke dum tiu ĉi jara renkontiĝo tritaga alvenis el 11 landoj pli ol 700 esperantistoj, kiuj en agrabla etoso interkonatiĝis, pridiskutis, amuzis, renkontiĝis kun urbaj reprezentantoj ktp.

Plue - sur la 3a kaj 4a paĝoj oni aperigas la Apelacion al UN la partoprenantoj en la solena kunveno, sub titolo "Arbo de amikeco" dediĉita al la 50-jara datreveno de la Arbo de amikeco en la ĉenigramara urbo Soĉi. Tiu arbo, jam grandiĝinta, sur kies branĉoj ekburĝonis greftoj far de reprezentantoj de 147 landoj, homoj de preskaŭ ĉiuj nacioj kaj konfesoj, kreskas en ciprusa ĝa-

rdeno de la scienc-esplora instituto. Sub tiu informo estas metita ankaŭ Alvoko kaj Apelacio de sovetiaj pacamantoj.

La gazeto donas ankaŭ "tribunon" al apartaj esperantistoj, jam SAT kaj IPE-anoj, kiuj pritraktas la demandon ĉu oni kreu novan Internacian E-organizaĵon, similan al IPE. Iuj konsentas, sed aliaj, apogitaj de la redaktoroj de "Internaciisto" opinias,ke tiu problemo ne estas aktuala, ke la esperantistoj unue devas agi por la plifortigo de la landa E-movado kaj por la ekzistantaj internaciaj organizaĵoj (UEA,IFEF,MEM,TEJA kaj aliaj). Oni devas tuj fortigi kaj plivastigi ilian aktivadon kaj propagandon kaj ĉiuj aparte kaj kune enkluziviĝu en la kontraŭnuklean militon, por defendo de la paco en la tuta mondo, kio estas la plej grava tasko kaj devo de ĉiu esperantisto. "...Pacbatalo ne signifas ideologia kunekzistado, sed larĝfronta bazo de komunaj strebadoj, sendepende de ideologiaj diferencoj, ĉion fari por survivado de la homaro. La redakcia opinio estas subskribita de Erano.

Oni publikigas ankaŭ la artikolon de J.K. el Olmouc "Du partioj - inter Oaco kaj Milito", en kiu la aŭtoro montras la rezultojn de la Norvega Akademio de sciencoj - kiom da militoj okazis ĝis nun sur nia planedo, en kiuj pereis 3 miliardoj kaj 64 milionoj de homoj, preskaŭ la sama nombro, vivanta nun sur la Tero. Estas alia artikolo - "Ekvilibro aŭ Fortosupereco" - de usonano F.Collons, kiu senmaskigas la strebojn de la usonaj kaj NATO-militaristoj fariĝi pli potencaj ol Sovetunio kaj la Varsovia defenda pakto.

En la nova 5-6 n-ro de "Internaciisto" estas ankaŭ aliaj interesaj artikoletoj kaj informoj. Redaktoro de la organo de KEK estas Franz Schik,Erzstr.11, A-8704 Leoben, Aŭstrio.

Iv.Esp.

# Humuro kaj satiro

ATENTU, SE VI VOLAS SALTI EN LA AKVON!

Antaŭ kelkaj jaroj vizitis min la gepatroj de niaj nederlandaj geamikoj. Ni estis invititaj al la kabano de iu nia klubanino.

Estis varma somera tago, apud komforta kabano estis bela lageto, kien ni gaje eksaltis kaj naĝis. Ankaŭ nia eksterlanda gasto volis montri, ke spite al sia aĝo, li kuraĝe eksaltis en la akvon. Kiam li denove atingis la supran akvonivelon, li ion nederlande kriis al sia edzino kaj lia vizaĝo esprimis neagrablan surprizon. Poste li klarigis al ni esperante, ke dum la salto en la akvon li perdis sian artefaritan dentaron. Tuj ni ĉiuj denove subakviĝis kaj sur la ne tro profunda lagetfundo serĉis la perditan dentaron. Sed vane. Nia serĉado ne sukcesis. Dum posta malgaja pripensado sur la bordo, kiamaniere en eta tempo ricevi novan dentaron antaŭ ilia forveturo al pliaj landoj, eksonis terura ekkrio de juna knabino ĉe kontraŭa lagetbordo.

Knabino duokorpe en la lageto havis levitan piedon super la akvo kaj kriis pro timo, supozante, ke io mordis ŝin. Inter ŝiaj piedfingroj estis la serĉata dentaro.

Kiel rapide nia humoro pliboniĝis, kiam ni vidis tian gajan situacion! Nur ni bedaŭris, ke nia fotoaparato ne estis preparita en tiu momento, kiam la dentaro de nia amiko mordis junan knabinon.

J.Rýznarova
(El "Venecuela stelo")

# Ricevitaj esperantaĵoj

- <u>Almanako de bulgaraj esperantistoj</u> - beletra eldono de Bulgara Esperantista Asocio, entenanta rakontojn, versaĵojn, eseojn, vojaĝraportaĵojn, tradukaĵojn de bulgaraj verkistoj kaj poetoj, precipe el la rondo de nia E-veterano, poeto kaj kolego Asen Grigorov, kiu pli ol 50 jarojn senlace instruas kaj edukas esperantistajn verkemulojn, ĵurnalistojn kaj E-aktivulojn. Redaktis la eldonon As.Grigorov. En la 146-paĝa volumo partoprenas per siaj verkoj A.Grigorov, At.D.Atanasov-ADA, Canko Murgin, Dimitro Zlarski, Hristo Gorov, Violin Oljanov kaj la menciitaj rondanoj de Grigorov L.Bojaĝieva, M.Ĉobanov, M.Ŝekerĝiev, N.Jejnova, N.Nedelĉeva, P.Batoeva, R.Konstantinova, St.Sokolov, T.Ŝoŝev k.a. Eldono de BEA, grandformata kun verdaj kovrilpaĝoj 1984.

- <u>La bulgara pacmovado sin prezentas</u> - 16-paĝa longa faldfolio entenas titolojn 1. Nia generacio vivanta en paco; 2. Naskiĝo de internacia pacmovado; 3. En drivo de ĉiutaga agado, Estas bone ilustrita - fotoj kaj desegnoj. Eldonas la Hungara Packonsilio. 4. Kiel laboras la nacia packonsilio; 5. Kiu povas aliĝi al la pacmovado; 6. Kontaktoj kun la mondo; 7. Nacia pacpolitiko-

pacmovado.

- Horizonto de Soveta Litovio - Sepa kajero, eldono de Litova filio en Asociode sovetiaj esperantistoj, Vilnius, 1984, 44-paĝa. Enhavas interesajn materialojn,porpaca.jn tradukojn el litova beletro, originalan verkadon, el kultura vivo de Litovio, el agado de esperantistoj k.a. Prezo 25 kopekoj. Adreso de la redakcio: SU 232600 Vilnius, Kosciuŝkos 36, Litova SSR,Sovetunio.

TRA LA MONDO

RENKONTIĜO KUN GVIDANTO DE POLA RADIO.

La 4-an de aprilo la vicprezidanto de la Komitato pri la aferoj de Radio kaj Televido, Jan Grzelak, kiu samtempe estas estro de ĉiuj kvin radio-programoj kaj la direktoro de la V Programo /Radio POLONIA/ , Edmund Makuch, renkontiĝis kun la plej meritplenaj laborantoj de la redakcio - Barbara Pietrzak, Milada Szwedo, Jerzy Grum, Jan Klimek, Andrzej Pettyn kaj Piotr Rowińki. Gratulinte la sukcesplenan laboron - Jan Grzelak sekve enmanigis al la menciitaj redakcianoj specialajn premiojn atribuitajn de la gvidantaro de radioprogramoj. Dum la akcepto oni ankaŭ pridiskutis la aktualajn redakciajn programtaskojn,i.a. en kunligo kun la proksimiĝanta 100-jariĝo de Esperanto kaj oni pritaksis diversajn sugestojn de aŭskultantoj, kiujn - pro la favora sinteno de la direkcio de Pola Radio oni decidis laŭeble rapide realigi /la temon iom vaste oni pritraktos en leterkestoj/.

El bulteno de Radio Polonia,
E-redakcio.

PREMIITA TEJA-MEMBRO

Nia kolego kaj membro Joachim Schulze el Leipzig-DDR, estas unu el la gajnintoj de la premio de packonkurso de Radio Pollando - dektaga senpaga restado en Bydgoszcz, Pollando, okaze de la Naŭaj Esperanto-tagoj en tiu urbo. J.Schulze gajnis per sia verko - la fablo "La forteco de la floreto", aperinta en "Informilo" n-ro 1-51 (bulteno de la esperantistoj de distrikto de Leipzig-Helle, kies kunredaktoro estas la gajninto).

NOVA LINGVO!?

La franca elektronika inĝeniero Antuan Pira verkis novan artefaritan lingvon, kiun li nomis "adli". La nova rivala al Esperanto lingvo kiel notas la bulgara taĝurnalo "Otečestven front" de 8.VI.j.k.) estas kreita per elektronika maŝino sur la fundamento de la angla, franca, hispana, itala kaj germana lingvoj. La vortoj estas sur la principo: sufiĉeco kaj simpleco,la vortaro havas 25 mil vortojn. En la nova lingvo ne ekzistas omonimoj kaj sinonimoj.

Se iu kolego jam konas tiun lingvon, li povus aldoni ion pli pri ĝi.

# el nia leterkesto

- Arpad Abonyi-Nagy de "Kooperativa Stelo", per sia bulgara korespondanto, ricevis kaj informiĝis pri "Int.Ĵurnalisto". Ni akceptas lin kiel membron de TEĴA kaj konsentas kublabori kun "Koop.Stelo". Ni atendas kontibuaĵoj de kolego Nagy pri ĵurnalistikaj temoj. Dankon! Ni interŝanĝos niajn gazetojn.

- Nelson Pereira de Souza, vicprezidanto de Brazila Konsilantaro de Esperanto, Braziljo, Brazilo. - Vian E-porpacan poŝtkarton ni rirevis. Tuj post apero ni sendos al Vi pri TEĴA materialojn. Bv.sendi al ni adresojn de E-ĵurnalistoj aŭ regulaj kunlaborantoj de amaskomunikiloj. Anticipe ni dankas pri Via intenco doni notojn pri TEĴA kaj "Int.Ĵurnalisto".

**Ĝojiga letero el Seulo,Koreo**

Nia ĉefredaktoro ricevis leteron de kolego I.Ĝungi el Seulo, Suda Koreo, ĝenerala sekretario de KEA, en kiu li dankas ricevinte nian organon. S-ro Ĝungi mencias, ke en ilia lando oni scias pri nia TEĴA, tamen la organon ĝis nun ili ne vidis. En la letero li skribas, ke en Seulo troviĝas kelkaj esperantistoj-ĵurnalistoj, inter kiuj s-ano I.Jongu, laboranta en la plej granda seula tagĵurnalo "Donga", kiu pasintjare partoprenis la Universalan Kongreson en Budapeŝto. Fine de sia afabla letero nia seula kolego proponas por Korea reprezentanto de TEĴA s-anon I.Jongu, kies adreso estas: ĵurnalo "Donga", CPO Kesto 4258, Seul, Respubliko Koreo. Ni sincere dankas kolegon I.Ĝungi, enskribante la koreajn kolegojn kiel membrojn de TEĴA kaj lin - kiel ties reprezentanton de nia asocio por Koreo.

**NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA**

- Arpad Abonyi-Nagi, Békéscsaba, H-5601, poŝtfako 191, Hungario.
- Nelson Pereira de SOUZA (vicprezidanto de Brazila konsilantaro de Esperanto) Laborgrupo "Antaŭen", poŝtkesto 07-1055, Braziljo, Brazilo.
- J.Jongo, ĵurnalo "Donga", CPO Kesto 4258, Seul, Respubliko Koreo.
- I.Ĝumgi, CPO Kesto 4258, Seul, Respubliko Koreo.
- Ján Lamička, 911 01 Trenčin-Juh, Dibrovova 8, Ĉehoslovakio.

**NOVAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA**

- Por Korea Respubliko: J.Jongo, ĵurnalo "Donga", CPO Kesto Seul, Respubliko Koreo, Azio.
- Por Suda Urkainio, USSR - N.I. Sigal (Podolski), str.Kirova 52, kv.25 Sovetunio, 270011 Odesa - 11, N.I.Sigal. Ni dankas kolegon Sigal pri la korektoj.

* * *

Nia kolego Ján Lamačka el Trenčin-Juh, ĈSSR, sendis al "I.Ĵ." gàzeteltranĉaĵon de lia kontribuaĵo al "Volksstime", Vieno (pri la kongreso de IFEF en Slănčev brjag, Bulgario kaj du fotojn de aliaj liaj informoj, aperintaj en "Osvetová práca", la unua titolita "Senpage tra Bulgario", la dua - "La estona esperantisto Eudard Raus". Ni dankas kolegon Lamačka kaj sendos al li nian organon kaj danke ricevos de li kontribuaĵojn.

* * *

Internacia Kultura Servo, Jugoslavio, anoncis la aperon de "Ovo" - nova internacia revuo por distro kaj amuzo. Esperebla apero ĉiun trian semajnon kun varia enhavo de detektivaj romanoj ĝis bildstrioj, Jarabono 35 gld.